3me Année, No 31. Mars 1905. | 3a Jaro, 31a Numero. Marto 1905. | 3e Jaar, Nr 31. Maart 1905.




## Aliĝinta al la Unuigo de la Perioda Belga Gazetaro

**Affilié à l'Union de la Presse Périodique Belge.** | **Aangesloten bij het Verbond der Periodieke Belgische Drukpers.**

| PRIX DE L'ABONNEMENT ANNUEL: | KOSTO DE LA JARA ABONO: | JAARLIJKSCHE INSCHRIJVINGSPRIJS: |
|---|---|---|
| 2.50 fr. pour la Belgique; 3.00 fr. pour l'étranger. 5.00 fr. (minimum): abonnement de protecteur. | 2.50 fr. en Belgujo; 3.00 fr. en eksterbelgaj landoj. 5.00 fr. (almenaŭ): protektanta abonanto. | 2.50 fr. voor België; 3.00 fr. voor den vreemde. 5.00 fr. (ten minste): inschrijving als beschermer. |
| **Un numéro: 0,25 fr.** | **Unu numero: 0,25 fr.** | **Het nummer: 0,25 fr.** |

La personoj, kiuj sendos al ni almenaŭ sumon da kvin frankoj, estos enskribitaj kiel protektantaj abonantoj kaj ilia nomo estos presita en ia proksima numero.

Nia ĵurnala jaro komenciĝas la 15an de Septembro. Se oni abonas post tiu-ĉi dato, oni ricevas la jam elirintajn numerojn.

Les personnes qui nous enverront au moins la somme de cinq francs seront inscrites comme abonnés protecteurs et leur nom paraîtra dans un prochain numéro.

L'année de notre Journal commence le 15 Septembre. Si l'on s'abonne après cette date, on reçoit les numéros déjà parus.

*De personen die ons ten minste de som van vijf franken toezenden zullen opgeteekend worden als inschrijvers-beschermers en hun naam zal in een aanstaande nummer gedrukt worden.*

*De jaargang van ons Blad begint met 15n September. Indien men zich na dien datum laat inschrijven, ontvangt men de reeds verschenen nummers.*

## ENHAVO.



## SOMMAIRE.



## INHOUD.



A.-J. WITTERYCK-DELPLACE,

IMPRIMEUR-ÉDITEUR | DRUKKER-UITGEVER
BRUGES, NOUVELLE PROMENADE, 4. | BRUGGE, NIEUWE WANDELING, 4.

## PRINCIPAUX JOURNAUX ESPÉRANTISTES RÉGULIERS.

### Bijzonderste regelmatige esperantische dagbladen.

**Lingvo Internacia**, gazette bi-mensuelle (*tweemaandelijksch blad*), abonnement sans supplément, 5.00 fr. par an (*inschrijving zonder bijvoegsel, 5.00 fr. 's jaars*); abonnement avec supplément littéraire, 7.50 fr. par an (*inschrijving met letterkundig bijvoegsel, 7.50 fr. 's jaars*). Mr Paul Lengyel, *Fresejo Esperantista*, 33, rue Lacépède, Paris Vème.

**L'Espérantiste**, revue officielle de la Société française pour la propagation de l'Esperanto, 20 pages (format 15 × 20) de texte Esperanto-Français, 8 pages de couverture, correspondance internationale en Esperanto gratuite pour les abonnés. 3.50 fr. par an (*3.50 fr. 's jaars*) 4.00 francs avec inscription à la Société (*4.00 fr. met aanneming in de Maatschappij.*) Administration de l'Espérantiste à Louviers (Eure) France.

**La Svisa Espero**, fr. 2.50 par an (*2.50 fr. 's jaars*) Mr Th. Renard, 6, rue du Vieux Collège, Genève, Suisse.

**Antaŭen Esperantistoj**! 0,150 Livroj = fr. 3,00 par an (*3,00 fr. 's jaars*) Mr Ant. Alvarado, str. Lartiga n° 106a Lima, Pérou.

**The Esperantist**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*), Mr H. Bolingbroke Mudie, 41, Outer Temple, W. C. London, England & M. Seynaeve, Heule lez Courtrai. Un numero : 40 Cmes.

**La Juna Esperantisto**, 2.00 fr. par an (*2.00 fr. 's jaars*). Mr H. Hodler, 9 avenue des Vollandes, Genève, Suisse.

**Internacia Scienca Revuo**, fr. 7.00 par an (*7.00 fr. 's jaars*), Hachette & Cie, 79, Bd St Germain, Paris.

**La Meksika Lumturo**, fr. 3,00 par an (*3,00 fr. 's jaars*), Dro A. Vargas, Santa Rosa Necoxtla (Ver.) Mexique.

**Esperanta ligilo** (por blinduloj), 3.00 fr. pour 1904 (*3.00 fr. voor 1904*), Mr Th. Cart, 12, rue Soufflot, Paris.

**La Suno Hispana** fr. 3.00 par an (*3.00 fr. s' jaars*). M. Augusto Jimenez Loira, Carniceros, 3 Valencia, Espagne.

**Germana Esperantisto** fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*). Möller & Borel, Prinzenstrasse, 95, Berlin. Allemagne.

**The British Esperantist**, fr. 2.00 par an (*2.00 fr. 's jaars*). Mr H. Clegg, 14, Norfolkstreet, Strand. London.

**La Alĝera Stelo**, fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*). Mr Louis Landes, 57, rue d'Isly, Alger.

N. B. — Quelques autres journaux paraissent plus ou moins régulièrement. (*Eenige andere dagbladen verschijnen min of meer regelmatig*).

## Esperantistaj grupoj en Belgujo.

**Poliglota Klubo en Bruselo, Esperantista Sekcio.** Sidejo : Hôtel Ravenstein, rue Ravenstein, 3. Sekretario Sro L. Blanjean.

**Antverpena grupo Esperantista. A. G. E.** Sidejo : Taverne Royale, Place Verte, 39. Prezidanto : Sro Ray. van Melckebeke; Sekretarioj, L. Jamin kaj F. Dupont.
Kunvenoj ĉiusabate je la 8 1/2 horo.

**Esperantista Katolik-Universitata Grupo E. K. G.** Sidejo : Loveno. Sekretario : P. Mattelaer, 3, place de l'Université, Louvain.

**Esperantista Lovena Grupo.** Sidejo : Taverne St Jean. Café Monico, rue de Diest. (Louvain, Leuven). Prezidanto Sro Edm. Vandieren. Sekretario Sro Eŭg. Mathys, filo, Aŭgustanstrato, 5a.
*Virina Sekcio* : Sekretariino, Frino Cl. Nythals.

**Esperantista Studenta Grupo.** Sidejo : Hôtel des Notaires, rue des Boutiques, Gento (Gand, Gent). Prezidanto : Dro M. Seynaeve, sekretario : Sro R. de Bie, 128, chaussée de Courtrai, Gand.

**Bruĝa Esperantista Grupo.** Sidejo : Bruĝo (Bruges, Brugge). Prezidanto : Sro A. J. Witteryck, sekretario : Sro Lekeu, 49 rue Wallonne.

**Esperantista Grupo en Lieĝo.** Sidejo : Café du Petit Trianon, bd de la Sauvenière. Prezidanto : J. de Hemptinne, Sekretario : G. Sloutzky.

**Esperantista Grupo en Meĥleno.** Prezidanto Sro L. Van Peteghem ; Sekretario : L. Van Elst, rue Notre Dame, Malines (Mechelen).

**Esperantista grupo en Andenno.** Prezidanto : Doktoro Mélin, Sekretario Sro Rambeaux, Andenne.

3me Année, No 31.
Mars 1905.

3a Jaro, 31a Numero.
Marto 1905.

3e Jaar, Nr 31.
Maart 1905.




GAZETO ESPERANTISTA ELIRANTA ĈIUMONATE EN BELGUJO.

# LA BELGA SONORILO

JOURNAL ESPÉRANTISTE BELGE MENSUEL.

BELGISCH ESPERANTISCH MAANDSCHRIFT.

| PRIX DE L'ABONNEMENT ANNUEL : | KOSTO DE LA JARA ABONO : | JAARLIJKSCHE INSCHRIJVINGSPRIJS : |
|---|---|---|
| 2.50 fr. pour la Belgique ;<br>3.00 fr. pour l'étranger.<br>5.00 fr. (minimum) : abonnement de protecteur. | 2.50 fr. en Belgujo ;<br>3.00 fr. en eksterbelgaj landoj.<br>5.00 fr. (almenaŭ) : protektanta abonanto. | 2.50 fr. voor België ;<br>3.00 fr. voor den vreemde.<br>5.00 fr. (ten minste) : inschrijving als beschermer. |
| Un numéro : 0.25 fr. | Unu numero : 0.25 fr. | Het nummer : 0.25 fr. |

Ĉefredaktoro — Rédacteur en chef — Hoofdopsteller : Jos. JAMIN, 78, rue de la Longue Haie, Bruxelles.
Cenzuristo — Censeur — Keurder : Lucien BLANJEAN, 83, rue du Collège, Ixelles-Bruxelles.
Abonoj — Abonnements — Inschrijvingen : L. VANDERSLEYEN, 31, rue des Patriotes, Bruxelles.
Presisto — Imprimeur — Drukker : A.-J. WITTERYCK-DELPLACE, 4, Nouvelle Promenade, Bruges.

## El Ĥarbin.

De kelkaj tagoj ni ricevis tiun ĉi leteron de nia amiko Kazi-Girej. Pri la propono de monofero, ni petas niajn legantojn ke ili sciigu al la redakcio ĉu ili konas jam ĵurnalon aŭ revuon kiu komencis rikolton de oferoj pri tiu celo.

Ĥarbin, 25 de Decembro 1904.
7 de Januaro 1905.

*Kara frato kaj sinjoro Jamin,*

Tre longe mi nenion skribis al vi pro multaj kaŭzoj, el kiuj plej ĉefaj estas la manko de tempo, kaj terura laciĝo fizika kaj morala. Tiu-ĉi terura, senfina milito elturmentigis nin ĉiujn, ĉar ni ne vivas normalan vivon, sed ĉiu tago estas venenita per la impresoj de tiu-ĉi sanga tragedio, kiu pasas tiel proksime de ni, ke ni sin sentas kvazaŭ ĉirkaŭitaj per densa, sufoka, sanga atmosfero, plena je l' homaj suferegoj. Krom tio, preskaŭ ĉiu el ni havas iun proksiman, karan, parencan, partoprenantan en tiu-ĉi masa hommortigado. Mia propra sola parenca frato, subkapitano de dragona regimento ankaŭ partoprenas en tiu-ĉi sanga batalo kaj mi preskaŭ ĉiam vivas sub la premado de la demando : « Ĉu li estas viva ankoraŭ, aŭ ne ? » Krom li mi havas multajn bonajn konatojn kaj unu tre proksiman amikon, partoprenantajn en la milito. Kaj tiel same povas diri preskaŭ ĉiu Rusa homo, - kaj, kredeble, ankoraŭ Japana homo ; ĉiu havas inter batalantoj aŭ fraton, aŭ filon, aŭ patron de familio. Kontraŭvole en la animo sin levas malnova, sed ĝis nun ne solvita demando : « ĉu estas necese tra sovaĝa maniero solvadi internaciajn demandojn kaj ĉu la demandoj mem estas efektive tiel gravaj por la feliĉa vivo de batalantaj flankoj, ke oni ne devas domaĝe elverŝi por ilia solvado la tutan maron de homa sango ? » Mi scias, mi komprenas, ke similaj demandoj estas vanaj, ke ili, eble, jam tedis al la societoj, sed kiam vi vidas preskaŭ ĉiutage la tutajn vicojn de senmove kuŝantaj sangigitaj homoj kun palaj, suferaj vizaĝoj, portataj ĉiutage sur la portiloj tra la urbo estas tre malfacile sin deteni de tiaj « vanaj » malutilaj konsideroj. Mi ofte ricevadas leterojn de la militkampo de mia frato kaj de mia amiko. Jen estas kelkaj linioj el la unua letero de mia frato, skribita de li en la unuajn tagojn de lia alveno al la loko de batalado : « 28 de septembro mi aliĝis al mia regimento en la momenton de batalo.

Alproksimiĝante al la pozicio, mi vidis malfacilajn tabulojn de transportado de l' vunditoj: facilvunditaj iradis memstare, senhelpe, kelkaj el ili sin apogadis sur la pafilojn, kaj, lamante, iretadis al difinitaj hospitaloj (malsanulejoj) aŭ al fervoja stacidomo; aliaj, vunditaj en brakon, kapon aŭ ŝultron iris vigle; kelkaj havis eĉ kontentajn vizaĝojn kredeble pro tio, ke ili tiel kompare malmulte ekpagis por la evito de la morta danĝero; estis tiaj, kiaj havis fieran elvidon, entute oni povis observi plej diversajn nuancojn de homaj sentoj sur la vizaĝoj de vunditaj soldatoj. Sed jen montriĝis la vico duradaj veturiloj; jen la tuta vico haltiĝis, ĉar en la antaŭa durad-veturilo de unu vundito forfalis la bandaĵo kaj oni devis lin transbandi: oni sidigis lin sur la teron, du kondukantoj lin subtenadis, la « frato kompatanta » lin transbandas, la malsanulo estas vundita en la ventron. Lia kapo senforte dekliniĝis malantaŭen, la okuloj estas duonfermitaj, la malsana paleco kovras la tutan vizaĝon kaj la dentoj estas forte kunpremitaj. Nenia ĝemo, kaj nur la esprimo de vizaĝo montras la suferegon. En la fino de tiu-ĉi sama veturilaro moviĝas kvarrada simpla veturilo, en kiu sidas 5 vunditoj; unu el ili frapegis min per sia vido, lia malsupra makzelo estis dispecigita; la sango senhalte fluas tra la bandaĵo sur lian veston kaj li mem sidas kun senpense fiksita en unu punkton rigardo, tenas en la dekstra mano ian sangigitan bulon de ŝtofo aŭ de vato kaj ofte, ofte kaj regul-tempe altuŝigas tiun-ĉi sangan bulon al sia disbatita makzelo; oni povas vidi, ke la doloro estas akra, turmenta, kaj ke li apenaŭ sin detenas de la ĝemoj kaj krioj... »

En alia loko de la sama letero li priskribas la scenetojn, kiujn li ekvidis pli malproksime, en la sama rajono de batalado: « Jen alflugis kaj eksplodiĝis malamika bombo kaj tuj falis unu nia artileria soldato, forte vundita; alia soldato en tiu-ĉi sama momento iel strange, kvazaŭ konvulsie fleksis kaj kaptis per ambaŭ brakoj unu sian piedon kaj komencis sur alia piedo salteti flanken; trasaltinte ĉirkaŭ 20 paŝoj, li ankaŭ falis sur teron... La piedo okaziĝis vundita... »

Per sekvantaj vortoj li priskribas la kampan kuracistan punkton: « Negajan tabulon prezentas kampa kuracista punkto, kiun mi vidis iom poste tiun-ĉi tagon: iom flanke de la vunditoj kuŝas sur la maldika tavolo de « gao-ljano » (*) jam mortintaj militistoj; mi kalkulis sep mortajn. En kelkaj paŝoj de tiu-ĉi loko estas elfosita granda kavo kaj du sanitaroj trenas je l' manoj la mortintojn al la kavo, apud kiu staras la pastro. Kiam ĉiuj mortaj estis kuŝigitaj en la kavon, la pastro tralegis mallaŭte mallongan preĝon kaj la sanitaroj superŝutis la kavon per tero... kaj ĉio estis finita... dume la pafilegoj kaj pafiloj daŭrigis ambaŭflanke preparadi novan materialon por similaj kavoj....»

Post la ricevo de tiu-ĉi letero pasis jam preskaŭ tri monatojn, kaj tiu-ĉi okupado daŭriĝas ĝis nun, kvankam la lastan tempon ambaŭ armeoj staras unu kontraŭ alia tute senfare; ambaŭ preskaŭ duonmilionaj kaj prepariĝas por la batalego, kiu devos terurigi la mondon. Dume-do, (*) ĝis la komenco de estonta masa batalo, la militistoj de ambaŭ flankoj interŝanĝas maloftajn pafojn kaj okazajn atakojn de malgrandaj volontaj partioj. La rilatoj fariĝis tre strangaj kaj originalaj. En kelkaj punktoj la malamikoj staras tiel proksime unu de la alia, ke estas eble aŭdi la voĉojn de malamikoj, kaj la soldatoj sin amuzas iafoje per plej fantaziaj manieroj: ekzemple, ia Rusa soldato elŝovas supren el sia pafilista longkavo sian manon; la Japanoj tuj pafas en ĝin; se la mano estas vundita, Rusoj montras ruĝan flageton; se ne, tio estas se la Japanoj ne trafis, Rusoj montras blankan flageton. Post tio-ĉi la Japana soldato elŝovas supren la brakon kaj Rusoj tuj pafas; se rezultato estas prospera, tio estas se la brako de Japano ricevis vundon, la Japanoj montras ruĝan flageton, se ne, — ili montras blankan. Iafoje la malamikaj militistoj interŝanĝas per la leteroj, skribitaj en Rusa lingvo, ĉar multaj Japanoj scias Rusan lingvon; iafoje eĉ konatiĝas persone, interŝanĝas la papirosojn, la fotografaĵojn... Tiaj faktoj plej bone montras, ke la milito estas io arta, ke ĝi ne estas la sekvo de reciproka popola kolerego; ne, kontraŭe, kiam niaj soldatoj kaptas Japanajn, ili rilatas al ili plej bonanime; tiel same rilatas reciproke niaj kaj Japanaj vunditoj, kuŝantaj en niaj malsanulejoj Tamen, malgraŭ ĉio dirita, baldaŭ denove komenciĝos inter ĉi-tiuj homoj terura bestsimila morta batalo, kaj kiam vi ricevos ĉi-tiun leteron, kredeble jam centoj da miloj de homoj, vivaj kaj sanaj en nuna momento, plenigos per siaj sangigitaj malvivaj korpoj la tombajn kavojn en Mandĵurujo.

Kaj la vagonaroj ĉiutage veturas, veturas el Rusujo, plenaj je soldatoj, pafilegoj, ĉevaloj kaj aliaj militiloj; kaj tiu-ĉi senĉesa rivero de homaj vivoj, homa sano, energio kaj juna forto fluas ĉiutage, ĉiunokte jam dek monatojn kun sola stranga celo: aŭ mortigi, aŭ esti mortigita... Tia sama rivero de homaj ekzistaĵoj fluas de la alia flanko el Japanujo kun la sama celo.

En tiu-ĉi milito estas ankoraŭ unu cirkonstanco, kiu faras ĝin ankoraŭ pli kruela; tio-ci estas la sorto de Mandĵura loĝantaro en la loko de bataloj: ili perdis ĉion: iliaj domoj estas detruitaj tute kaj fine, iliaj kampaj semaĵoj ekstermitaj, ilia hejma brutaro estas tute forprenita per militantoj, kaj tial ili mem restis senhejmaj, sen rimedoj por vivi, por nutri sin mem kaj sian malsatan infanaron. Ili venadas nun en urbojn kaj serĉadas la angulojn, kie ili povus pasigi la vintron kaj sin savi de la frostiĝo kaj de l' malsata morto.

Tie-ĉi formiĝis Rusa societo por helpi laŭforte al tiu-ĉi malfeliĉuloj; mi aŭdis ke tia Japana aŭ Eŭropa societo formiĝis en Inkeo kun la sama celo, — sed ĉu povas multe fari tiuj-ĉi malfortaj societoj? Kvankam nur tiuj-ĉi du popoloj, t. e. d. Rusoj kaj Japanoj, estas kulpaj en la malfeliĉo, kaŭzita per ilia batalo al la Mandĵura loĝantaro, — sed en nuna momento la forto de Rusoj kaj Japanoj estas tiom

(*) Loka Ĥina kultura kreskaĵo tre disvastigita, havanta grandegan signifon en ekonomia vivado de Mandĵura vilaĝanaro; tiu-ĉi herba kreskaĵo servas kiel nutraĵo por homoj, nutraĵo por ĉevaloj, bovoj kaj azenoj, la trunketoj de gao-ljano estas uzataj kiel hejtaĵo kaj oni uzas ilin ankaŭ en konstruaĵojn por kovri la tegmentojn de domoj kaj por la bariloj. Entute gao-ljano estas plej grava universala kreskaĵo en la mastraĵo de Mandĵura vilaĝano.

(*) Dume-do, formo ofte uzita de la skribanto; kvankam ĝi ŝajnas iomete stranga ni konservas ĝin, la leganto komprenos facile la sencon kiu egalas la vorton « dume ». (Noto de la redakcio).

plene englutitaj per la batalo mem ke ili ne povas, malgraŭ la deziro, helpi en sufiĉa mezuro al la ofenditaj per ili Ĥinanoj. Jen kie estas la larĝa kampo por homara kompato, kaj kristana Eŭropo povus tie-ĉi montri la altan ekzemplon de nobla helpo al senkulpe suferantaj homaj ekzistaĵoj. Difinante proksimume la kvanton de Eŭropa loĝantaro ĉirkaŭ 400 milionojn de homoj (kun Eŭropa Rusujo), kaj supozante ke nur unu dekona el tiŭ-ci nombro povus partopreni en la oferado, kaj ke ĉiu oferanto meze donos nepli el unu duonfrankon, kolektiĝos la sumo ĉirkaŭ dudek milionoj frankoj, se prosperos kolekti eĉ unu duonon de tia sumo, t. e. nur dek milionojn de frankoj, estus eble serioze subteni dume la tutan jaron preskaŭ ĉiujn senhejmigitajn Mandĵurajn vilaĝanojn. Ni povu komenci ĉi-tiun aferon kaj kun la espero ni atendu bonajn rezultatojn, kiuj montros, ke Eŭropo ne vane portas la nomon « kristana ».

Ŝajnas al mi ke plej bona vojo por venigi tian monon al la manoj de l' suferintoj estas disdonadi la monon tra la kristanaj Eŭropaj misiistoj, loĝantaj preskaŭ en ĉia granda Ĥina aŭ Mandĵura urbo. La granda kvanto de l' suferintoj venis en urbon Mukden kaj aliaj, proksimaj al Mukden urboj — Tjelin, Kajuan kaj aliaj — kaj en ĉiuj nomitaj urboj loĝas Francaj kaj Anglaj misiistoj. Sendube ili ne rifuzos preni sur sin la zorgon disdonadi la oferatan monon al malfeliĉaj senhejmuloj. Se vi mem, kara frato, konsentas ĉi-tiun ideon, ne rifuzu helpi al ĝia disvastigado en Eŭropa societo per la gazetaro, kiu sendube volonte transpresados necesan alvokon. Por la komenco mi sendas tie-ĉi du rublojn (5.30 fr.) kaj esprimas plenan pretecon servi, kiel perulo en la transsendo de l' oferaĵoj al la misiistoj, inter kiuj mi havas kelkajn bonajn konatulojn.

Se tiu-ĉi propono efektiviĝos kvankam en unu centono de supozita mezuro, t. e. se prosperas kolekti nur cent milojn de frankoj, ni povos sin teni feliĉaj ke estas farita *vere bona* internacia afero, kaj fieriĝi, ke ĝia komenco apartenas al nia lingvo, *internacia* Esperanto.

Kelkajn vortojn mi deziras diri pri la esperoj je la disvastigado de Esperanto tie-ĉi, en nia urbo Ĥarbin. Tamen antaŭe mi diros kio estas urbo Ĥarbin. Tiu-ĉi nova urbo, ekzistanta nur de kvar jaroj konsistas el tri partoj : 1e Malnova Ĥarbin « Starij Ĥarbin », 2e Nova Ĥarbin « Novij Ĥarbin », 3e Ĥarbin-Haveno « Ĥarbin Pristanj ». La tria parto. t. e. Ĥarbin Pristanj kuŝas tute apud la bordo de la rivero Sungari granda plenakva rivero, servanta kiel bona vojo por multenombraj vaporŝipoj. Per tiuj-ĉi vaporŝipoj apartenantaj en plej granda parto al la societo de Ĥina-Orienta fervojo, estis alportita grandega kvanto da materialoj por la konstruado de fervojo : la relojn, la arbaĵon, la cementon, la vitron, najlojn, vaporilojn, kaj tiel plu. Dank' al tiu cirkonstanco, sur la bordo de tiu-ĉi rivero, en la punkto de haltiĝo de vaporŝipoj rapide ekbolis la vivo, tien-ĉi tuj altiriĝis privataj komercantoj kaj tiamaniere tie-ĉi formiĝis baldaŭ malgranda komerca urbeto, tre vivplena. La tuta lokaĵo estis por fervoja administrantaro regule displanita, kaj post du jaroj la placo de une kvadrata kilometro estis kovrita per densa amaso de domoj, dometoj, butikoj, magazenoj, metiejoj, hoteloj, « kafe-ŝantanoj », komercaj kontoroj k. t. p., aperis eĉ unu teatro kaj unu cirko. En nuna momento, Ĥarbin Pristanj prezentas per si tre vivan urbeton, ĉirkaŭ de kvadrataj kilometroj de spaco, kun granda kvanto da bonaj grandegaj duetaĝaj ŝtonaj domoj, kun multego da privataj metiejoj, fabrikoj, kun kelkaj gigantaj vaporaj sesetaĝaj farunmuelejoj, kun multego da bone aranĝitaj gastdomoj, publikaj ĝardenoj, kaj tiel simile. Estas nur unu manko, tre serioza : Ĥarbin Pristanj kuŝas sur la loko tre malalta, negarantiita kontraŭ granda superakvo de la rivero, dank' al tiu-ĉi cirkonstanco la fervoja administrantaro elektis por la estonta granda urbo « Ĥarbin » alian multe pli altan lokon, en tri kilometroj de la bordo de Sungari, tiu-ĉi loko, tre larĝa, estis regule displanita kaj ricevis la nomon « Novij Ĥarbin ». Tie-ĉi la fervoja administrejo komencis konstrui « ĉiamajn » ŝtonajn domojn por la fervojaj servantoj, grandegajn domojn por la fervoja administrejo (nun jam finita kaj okupita), por komercaj lernejoj, teknikaj lernejoj, fervojaj societaj kunvenoj, malsanulejoj, grandegaj domoj por fervojaj militgardistoj kaj tiel simile. En nuna momento « Novij Ĥarbin » prezentas per si belan grandan urbon kun multego da belaj ŝtonaj domoj konstruitaj en « style moderne », kun larĝaj, rektaj, pavimitaj stratoj kun belaj magazenoj k. t. s. Kelkaj domoj, kiel ekzemple la domo de fervoja administrejo, konstruita en tre bela kaj severa nova stilo, tuta en natura ŝtono, enhavanta pli ol 15000 kvadratajn metrojn de interna spaco, sendube turnus sur sin la atenton en ĉiu granda Eŭropa urbo. Tre belaj ankoraŭ estas la konstruaĵo de ĉefa stacidomo, de teknikaj lernejoj, de urba gastdomo kaj aliaj; multaj el ili estas lumigataj per elektra lumo. En la urbo iradas publikaj aŭtomobiloj, eliras ĉiutaga gazeto « Ĥarbina Sciigisto » (Ĥarbinskij Vjestnik), duonoficiala, kaj de la 1a Januaro de 1905 komencos eliradi dua gazeto, ankaŭ ĉiutaga, sed tute privata ; en urbo ekzistas kelkaj privataj presejoj. El tiuj-ĉi nemultaj vortoj, vi povas ricevi kelkan proksimuman komprenaĵon pri la urbo Ĥarbin. Mi forgesis diri ion pri « Malnova Ĥarbin » (Starij Ĥarbin) ; ĝi estas la punkto kie haltiĝis kaj loĝiĝis unua grupo de inĝenieroj, venintaj tien-ĉi sep jarojn antaŭe por konstrui la Ĥinan-Orientan fervojon ; tiu-ĉi loko sin trovas en la distanco de 3 1/2 kilometroj de la bordo de la rivero Sungari sur la rekta linio, iranta de la Ĥarbin-Haveno al Nova Ĥarbin, tiamaniere Nova Ĥarbin sin trovas inter Ĥarbin-Haveno kaj Ĥarbin Malnova. Dume la konstruado de Ĥarbin Nova, Malnova Ĥarbin servis kiel loko de loĝado de tuta fervoja-konstrua administrantaro kaj servantaro, ili loĝis en « tempaj » domoj, konstruitaj el nebruligita briko. En nuna momento, kiam la fervoja administrantaro transloĝiĝis en novan urbon, Malnova Ĥarbin estas loĝita precipe per privata neriĉa loĝantaro kaj per tiuj fervojaj servejoj kaj servistoj, por kiuj ĝis nun ne estas pretaj la « ĉiamaj » domoj en nova urbo. En Malnova Ĥarbin komencas disaĉetadi la teron multaj privataj personoj ; oni konstruis tie kelkajn malgrandajn fabrikojn kaj metiejojn, tie loĝas kelka parto de fervojaj militgardistoj kaj tiamaniere Malnova Ĥarbin ludas la rolon de « apudurbo » ; ĝi estas nun unuigita kun Nova Ĥarbin per bona pavimita rekta vojo, laŭ kiu iradas publikaj aŭtomobiloj de unu privata kompanio, veturigantaj la publikon inter Nova kaj Malnova Ĥarbin. Kompreneble ambaŭ

tri punktoj, t. e. Nova, Malnova Ĥarbin kaj Ĥarbin-Haveno estas ligitaj inter si per telegrafo kaj telefono; la lasta ekzistas en ĉiu pli aŭ malpli signifa domo. En nuna momento, ĉi-tiuj nomitaj punktoj komencas jam unuiĝi per konstruita nova domaro, kaj inter Nova urbo kaj Haveno nun jam ne restis malplena spaco; la strato, kunliganta tiujn-ĉi du punktojn estas jam en tuta sia longeco ambaŭflanke okupita per privataj domoj de diversaj signifoj: magazenoj, metiejoj, gastdomoj. k. t. s. Komprenebele, tute ne ĉiuj gastdomoj kaj magazenoj estas « belaj », sed tamen ĉiuj havas pli aŭ malpli konvenan eksteran elvidon kaj la vivo ĉie bolas kaj sur kelkaj ĉefaj stratoj estas ĉiam tioma movado de veturiloj kaj piedirantoj, ke vi sentas vin kvazaŭ en ia granda Eŭropa aŭ Amerika urbo. Al ĉio dirita oni devas aldoni ke oni kalkulas nun en Ĥarbin ĉirkaŭ sesdek milojn da loĝantoj.

Kaj jen en tiu-ĉi urbo mi intencas nun komenci la propagandon de nia lingvo. Cetere, mi jam komencis, sed en malgranda rondeto, kaj nenion faris por pli larĝa publika disvastigado. Nun la intereso, aperigita por nia lingvo per kelkaj miaj bonaj konatuloj, kunservantaj inĝenieroj, igis min tuj preni la zorgon pri pli larĝa propaganda agado, kaj mi decidis antaŭ ĉio organizi tie-ĉi la disvendadon de lernolibroj esperantaj. Por tiu-ĉi celo mi vizitis lokan librovendejon, apartenantan al S-ro Rovenskij, inteligenta homo, kaj eniris kun li en kunsenton, ke li akiros kaj ĉiam havos en sia magazeno la esperantajn eldonojn por ellernado de lingvo, kaj mi prenos sur min la zorgon anoncadi pri tio-ĉi de tempo al tempo en loka gazeto. Mi esperas ke la afero tie-ĉi iros dume la milito ne sen sukceso, kaj post la milito kun bona sukceso.

Nun jam estas kelkaj homoj, tre sin interesantaj per nia lingvo, jam skribintaj al doktoro Zamenhof pri la elsendo al ili de lernolibroj, vortaroj kaj ekzercaroj kaj esprimintaj al mi la kunsentojn aranĝi tie-ĉi esperantan rondeton. Se la afero iros pluen tiel-do sukcese, mi elklopodos la rajton fondi tie-ĉi oficialan filion de la societo « Espero ».

Antaŭ unu semajno mi skribis al doktoro Zamenhof leteron en kiu mi detale priskribis la kaŭzojn, malhelpantajn al mi dume lastaj kvin jaroj sin okupi serioze per disvastigo de nia lingvo. Efektive, kruela fatala sorto senĉese persekutis min dume la lastaj jaroj de mia vivo kaj ne donas al mi la eblecon pli aŭ malpli « fonde » aranĝi mian vivon; vere, dume lastaj kvar jaroj mi jam la duan fojon suferas kune kun mia familio de la plena runuigo de mia hejmo dank' al militoj. Unuan fojon mi perdis ĉiun mian havaĵon dank' al Ĥina kontraŭeŭropa ribelo kaj post kelketaga batala sindefendo estis devigita forkuri kun mia familio en unu sola vestaĵo el urbo Tjelin en Ĥarbin'on parte per piediro, parte rajdante kaj dume dekdutaga vojaĝo sep fojojn sin defendi propramane kontraŭ masaj atakoj de Ĥinaj ribelantoj kaj soldatoj. Tiam tuta mia havaĵo, restinta en Tjelin (en meza Mandĵurujo) pereis por mi. Post tio, dume du jaroj mi havis en nenia loko fondan hejmon kaj loĝis duondise kun mia familio en kelkaj punktoj, nenie pli longe ol ses monatoj. Fine mi fondiĝis en urbo Dalny, kaj revis aranĝi sian vivadon laŭ « homa » maniero, t. e. kun ĉiama, laŭeble agrable aranĝita loĝejo, — sed, ho ve! ne por longa tempo.... La tondraj sonoj de pafilegoj denove forpelis mian ĵus venintan familion kaj igis veturi Rusujon, forĵetinte tutan nian havaĵon, kiu kostis al ni tiom multe, ĉar ni elspezis tutan nian ŝparaĵon por ĝin aĉeti. Post forveturo de mia familio mi transveturigis kun grandegaj malfacilaĵoj nian malfeliĉan propaĵon en Port-Artur'on, kaj mem loĝiĝis tie por helpi al « Ruĝa Kruco », ĉar niaj privataj profesiaj okupadoj, per kiuj mi intencis subtenadi mian vivon, ĉesiĝis subite dank' al milito, kaj mi vivis en Port-Artur'o ĝis la mezo de Aprilo (novastile), kiam la fervoja administraro alvokis min per telegramo el Port-Artur'o kaj proponis al mi la laboron en Ĥarbin'o. Kaj denove tuta mia propraĵo pereis en Port-Artur'o, kiu antaŭ nelonge falis. Denove mi devas aranĝi mian hejmon, ĉar el Port-Artur'o mi venis nur en unu surtuto, supozante reveni Artur'on, sed tio-ĉi ne prosperis al mi, ĉar Artur'o baldaŭ estis fortranĉita, kaj ĝi tute ne ekzistas, ĉar ĝi estas sendube dispecigita per bomboj...

Mi finas la leteron, kara frato. Se vi deziras, vi povas ĝin presi en « Belga Sonorilo ». Se mi havos la tempon mi skribados ankoraŭ al vi neunufoje, dume-do premas vian manon kaj restas,

Via kore sindona

NIKOLAJ KAZI-GIREJ.

## Pri neoportunaj kritikoj.

Niaj legantoj trovos, en la partoj de la letero de S^ro^ L. de Beaufront kiujn, kun permeso, ni ĉerpas el « L'Espérantiste », opinion kiu estas respondo al kelkaj neoportunaj kritikoj pri vortfarado kaj elekto de radikaj vortoj.

Ni jam vokis atenton de la Esperantistoj al la danĝero kiu minacas nian aferon... hodiaŭ ni estas feliĉaj ricevi certigon de nia diro.

Prudenteco kaj ĝentileco estas tre necesaj ecoj; ni esperas ke nenia samideano intencas forgesi tion.

La letero de la Prezidanto de la Societo Franca por la propagando de Esperanto estas adresita al la redakcio de « Lingvo Internacia » kaj tiel ricevos vastan publikigon:

—

Diversfoje mi legis en *Lingvo Internacia* kritikojn pli-malpli justajn aŭ ĝustajn pri punktoj de l' verkoj, kiujn la unua mi faris por utili al la franca Esperantistaro kaj al la kritikintoj mem, kiuj lernis la lingvon se ne tute, almenaŭ parte, dank' al ili. Ĝis nun mi silentis kaj lasis diri, tiel ke se hodiaŭ mi uzus nerifuzeblan rajton, mi plenigus unu tutan numeron per detala respondo. Mi tre kredas, ke tiam oni konstatus kelkan malfortecon en kritikoj, kiuj eble ŝajnis tre fortaj al la aŭtoroj. Sed, venante mem nutri diskutadon, kiun mi ĉiam tre bedaŭris en niaj ĵurnaloj kaj eĉ proklamis danĝera, mi agus nekonsekvece.

Aliparte mia eterna silentado povus kredigi al kelkaj, ke mi ne respondas pro tio sola, ke mi ne povas respondi. Kaj, fakto pli grava, oni pensus, ke vere mi metis en miajn librojn aferojn, kiujn D^ro^

Zamenhof ne vidis aŭ blinde aprobis. Karaktere kaj sen ia timo mi ĉiam akceptis, akceptas kaj akceptos la plenan respondecon pri miaj agoj, diroj kaj skriboj. Sed oni komprenos, ke mi akceptas tiun ĉi respondecon nur en la mezuro, laŭ kiu mi ĝin meritas. Tial mi devas tie ĉi ripeti, *ke nenian vorton, ne eĉ unu, nenian formon, ne eĉ unu*, mi metis en miajn librojn de la *Kolekto aprobita* sen la certa, certega ekzameno kaj aprobo de D[ro] Zamenhof. Tion mi povas pruvi al ĉiuj per centoj da paĝoj kuŝantaj ĉe mia hejmo.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Oni vidus kiel skrupule mi evitis prezenti ion Beaufront'an sub la aprobo de Zamenhof. Konsiderante lin kiel almenaŭ la plej kompetentan el ĉiuj Esperantistoj, mi ĉiam pliamos liajn vortojn, formojn, klarigojn ol ĉiujn aliajn kaj, eĉ se mi havus preferon kontraŭan, mi ĝin forlasus antaŭ modelo donita aŭ konsilita de nia majstro. Mi tiom pli volonte tiel agos, ke mi ne vidas kial, — ekster la kampo teknika —, mi ne konfidus al la kreinto de Esperanto pri unu detalo, kiam ni konfidas al li pri la tuta cetero de la lingvo kaj ni eĉ proklamas lin genia pro tiu ĉi tuta cetero. Ĉu do la nekreintoj de Esperanto povus kredi, ke ili estas pli kapablaj ĝuste juĝi kaj trovi pri la lingvo ol la kreinto mem? Aŭ ĉu ili vere opinius, ke plezure kaj senatente nia majstro povus renversi per unu mano, kion li konstruis per la alia?

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Mi altiras la atenton de la amikoj al la jena penso: Nun la mondo ankoraŭ malŝatas nin pli-malpli; sed tre certe venos tago, en kiu pro niaj konstantaj kaj ĉiam pli grandaj progresoj ĝi nin ne malŝatos plu. Tiam malamikoj ellernos Esperanton ne por ĝin subteni, sed por ĝin renversi. Ili do atente tralegos niajn ĵurnalojn kaj ni povas esti certaj, ke ili *tre zorge* kolektos kontraŭ ni la riproĉojn aŭ mallaŭdojn, kiujn ili tie renkontos pri multegaj punktoj de nia lingvo. « Strange, ili diros, tiuj homoj ĉiutone kantas la bonegecon de sia lingvo, kaj tuj de ĝiaj unuaj tagoj, ili konstante plendis pri tiu aŭ alia punkto en ĝi. Si vi ne kredas al ni, legu iliajn gazetojn kaj vi trovos ĉe kelkaj el ili riproĉojn sufiĉe multajn kaj fortajn por deturni ĉiun saĝan homon de la lerno de tia lingvo. Metu la kritikojn de Petro apud la kritikojn de Paŭlo, la mallaŭdojn de tiuj ĉi flanken de la mallaŭdoj de tiuj, kaj vi konstatos, ke la Esperantistoj ĉiam plendis pri sia lingvo, ke per tiaj multegaj kaj senĉesaj plendoj ili faris ridinda sian certigon pri la bonegeco de Esperanto kaj fakte ĝin kondamnis publike. Ili do estas tute nekompreneblaj, kiam ili kuraĝas proponi al la mondo sistemon, pri kiu ili ĉiam malpacis inter si kaj skribis mem tiamaniere. »

Kion ni tiam respondos je tiu rezono? Ĉu simpla neo sufiĉos por detrui ĝian *videblan* fundamenton kun ĝia ŝajna vereco? Kaj ni ne kredu, ke niaj publikaj diskutoj kaj eĉ disputoj pri la lingvo ne eliros el la rondo Esperantista. Ni ankaŭ plene erarus dormante trankvile pro la bona intenco, kiu ĉiam inspiris kaj ankoraŭ inspiras ilin. Certe, neeviteble, fatale ili estos konitaj de niaj malamikoj, kiuj ne serĉos, ne komprenos la intencon, sed ekspluatos la fakton kontraŭ Esperanto. Pro leteroj, kiujn mi ricevis, mi jam povas certigi, ke kelkaj sin preparas por ilin uzi en la favora momento. Ĉu do ni daŭrigos elforĝi kontraŭ ni la plej potencajn armilojn por nin ataki kaj bati en la venonta tago de l' granda batalo?

L. DE BEAUFRONT,

Prezidanto de la Societo franca por la propagando de Esperanto.

## Letero de Doktoro L. Zamenhof.

La ĵurnalo « Lingvo Internacia » ricevis la sekvantan leteron de nia estimata Majstro:

— —

En la komenco de januaro, mi ricevis de mia milita estraro la ordonon forveturi al la milito Mandĵurujon kiel kuracisto; poste, pro la malforta stato de mia sano, oni min liberigis de tiu ĉi devo, kaj mi povas nun trankvile daŭrigi mian laboradon por nia afero. Pro la alvoko kaj poste pro la liberiĝo mi ricevis de ĉiuj flankoj tre multe da varmege amikaj kaj bondeziraj leteroj. Ne povante respondi al ĉiuj aparte, mi permesas al mi nun esprimi publike mian plej koran dankon al ĉiuj miaj amikaj korespondantoj.

Ĉar multaj personoj intermiksas mian nomon kun la nomoj de miaj fratoj, kiuj ankaŭ estas kuracistoj kaj esperantistoj, tial — por averto de ĉia malkompreniĝo — mi devas sciigi, ke la nomoj de miaj du fratoj, kiuj troviĝas nun en la milito estas *Leono* kaj *Aleksandro*.

LUDOVIKO LAZARO ZAMENHOF.

## Tra la mondo Esperantista.

Nova ĵurnaleto aperis en la Esperanta ĉielo, modesta ĵurnaleto al kiu ni deziras bonvenon kaj kiu, ni esperas, pligrandiĝos baldaŭ ĉar ĝi naskiĝis meze Esperanta centro tre agema. Ĝiaj baptopatroj baptonomis ĝin: La Alĝera stelo; ĝi aperos duonmonate kaj estas direktata de junuloj, ĝi celas, interalie,

### A travers le Monde Espérantiste.

Un nouveau petit journal a paru dans le ciel Espérantiste, modeste petit journal à qui nous souhaitons la bienvenue et qui, nous l'espérons, grandira bientôt car il est né au sein d'un centre Espérantiste très actif. Ses parrains l'ont baptisé: L'étoile Algérienne; il paraîtra bi-mensuellement et est dirigé par des jeunes; il vise, entre autres choses, à faire connaître

### Dwars door de Esperantische wereld.

*Een nieuw klein bladje is in den Esperantischen hemel verschenen, een nederig klein bladje welk wij verwelkomen en dat, hopen wij, welhaast zal vergrooten, want het is geboren in den schoot van een zeer werkzaam Esperantisch midden. Zijne peters hebben het « De Algeriaansche Ster » gedoopt; het zal twee maal te maande verschijnen en wordt opgesteld door jongen; het heeft,*

diskonigon de Alĝerio, de ĝiaj vidindaĵoj, pejzaĵoj, ĉarmoj, k. t. p. Direktoro Barthélemy Bals, administranto Louis Landes; adreso 57, rue d'Isly, Alger; kosto de la Jara abono 3 frankoj (Francujo 2.50 fr.)

« Espero de Katalunjo » estas titolo de alia nova jurnaleto, presita de L. Lamiot, en Ceret (Orientaj Pireneoj, Francujo) kaj tute skribita en Katalunja idiomo. La ĉefa artikolo traktas « la llengua ausiliar internacional » ĝi enhavas ankoraŭ « primera lliço d'Esperanto » kun « exercici de llegir » kaj nomaron de « llibres y llibretes! » Ni deziras ke sukceso kronigas la penojn de ĝiaj fondantoj, plenaj je suda entuziasmo.

***

Bonan ekzercaron en Germana lingvo eldonis S^ro^ J. Borel sub titolo: Ŝlosilo de la plena lernolibro (Schüssel zum Vollständigen Lehrbuch), kiu estas traduko de la ekzercoj de alia libro de tiu agema aŭtoro; tiel la profesoroj ricevas bonan kaj facilan helpon. La « Ŝlosilo » kiel la « Lernolibro » estas aprobitaj de D^ro^ Zamenhof.

La sindonema prezidanto de la Societo « Esperanto » en Keighley (Anglolando), S^ro^ Jozefo Rhodes, entreprenis kolekton de Esperantaj rimoj, tre pacienca laboro kiun plenumis tre lerte nia simpatia amiko. Ni rekomendas la « Vortaron de Esperantaj rimoj » al ĉiuj poetoj, ili povos pli facile agordi sian liron kaj nin ĉarmi per siaj ensorĉaj akcentoj.

Doktoro Saquet, prezidanto de la Esperantista grupo el Nantes (Francujo) publikigis bonan montron de la demando Esperanta en la Bultenoj de la Akademia Societo de la « Loire-Inférieure ». Tiun artikolon li eldonis en aparta broŝuro por la propagando.

D^ro^ Saquet prezentis ankaŭ al la supredirita Akademia Societo la celon de la Delegacio por la enkonduko de ia helpanta lingvo; li sukcesis, la Societo aprobis Esperanton kaj nomis D^ron^ Saquet delegito.

***

Niaj Francaj samideanoj daŭrigas sian energian propagandon ĉe la ĉiutagaj jurnaloj. En ĝia numero de la 19^a^ de Februaro, le « Voix du Peuple (Voĉo de l'Popolo) raportas pri la lingvo kaj ĝia utilo.

La 26^an^ de Februaro, S^ro^ Th. Cart faris sian dialogan paroladon en la urba domo de Saint-Mandé, apud Parizo, kaj tre bone sukcesis ĉar ĉirkaŭ 600 personoj alestis al tiu originala parolado kaj konvinke aplaŭdis la simpatian parolinton.

Jos. JAMIN.

---

'Algérie, ses curiosités, ses paysages, ses charmes. etc. On trouvera dans le texte ci-dessus toutes les indications de prix, adresse, etc.

« Espero de Katalunjo » est le titre d'un autre petit journal, imprimé à Céret (Pyrénées Orientales) et entièrement écrit en idiome catalan. L'article principal traite de la langue auxiliaire internationale, il contient encore une première leçon d'Esperanto, un exercice de lecture, une liste de livres et brochures etc. Nous souhaitons que le succès couronne les efforts de ses fondateurs, remplis d'un enthousiasme méridional.

***

Un bon recueil d'exercices pour les Allemands vient d'être édité par M. J. Borel sous le titre de « Clef du manuel complet »; c'est la traduction des exercices d'un autre livre de l'actif écrivain; de cette façon les professeurs recevront un bon et facile appui. La « Clef » et le « Manuel » sont approuvés par le D^r^ Zamenhof.

Le dévoué président de la Société « Esperanto » de Keighley (Angleterre), M. Joseph Rhodes, a entrepris de réunir les rimes Espérantistes, travail de patience, accompli fort habilement par notre sympathique ami. Nous recommandons le Dictionnaire des rimes de l'Esperanto à tous les poëtes; ils pourront plus facilement accorder leur lyre et nous charmer de leurs accents enchanteurs.

Le docteur Saquet, président du groupe Espérantiste de Nantes (France) a publié un bon exposé de la question Espérantiste dans les Bulletins de la Société Académique de la Loire-Inférieure. Il a édité cet article en tiré-à-part pour la propagande. Le docteur Saquet a présenté aussi à la Société Académique susdite, le but de la Délégation pour le choix d'une langue auxiliaire; il l'a fait avec succès, la Société a approuvé l'Esperanto et a nommé le docteur Saquet délégué.

***

Nos partisans français continuent leur énergique propagande dans les journaux quotidiens. Dans son numéro du 19 février, la « Voix du Peuple » de Paris parle de la langue et de son utilité.

Le 26 février, M. Th. Cart a fait sa conférence dialoguée à la mairie de Saint-Mandé, près de Paris et a particulièrement réussi car 600 personnes environ assistaient à cette conférence originale et ont applaudi avec conviction le sympathique conférencier.

Jos. JAMIN.

*buiten andere dingen, voor doel, Algiers te doen kennen, zijne wonderheden, zijne landschappen, zijne bekoorlijkheden, enz. Men zal in den tekst hierboven alle inlichtingen vinden over den prijs, t'huiswijs, enz.*

*« Espero de Katalunjo » is de hoofding van een ander klein bladje, te Ceret (Ooster-Pyreneën) gedrukt, en gansch in Katalaansche gewestspraak geschreven. Het hoofdartikel behandelt de wederlandsche hulptaal, het behelst nog eene eerste les van Esperanto, eene leesoefening, eene lijst van boeken en vlugschriften, enz. Wij wenschen dat bijval de pogingen bekrone van zijne stichters die van eene zuiderlijke geestdrift vervuld zijn.*

***

*Eene goede verzameling oefeningen van Duitschers werd onlangs uitgegeven door M. J. Borel onder den titel « Sleutel van het volledig handboek »; het is de vertaling der oefeningen van een ander boek van den werkzamen schrijver; op die wijze zullen de leeraars een goeden en gemakkelijken steun ontvangen. De « Sleutel » en het « Handboek » zijn door D^r^ Zamenhof goedgekeurd.*

*De ieverige voorzitter van de Maatschappij « Esperanto » van Keighley (Engeland), M. Joseph Rhodes heeft ondernomen de Esperantische rijmwoorden te verzamelen, werk van geduld, behendiglijk door onzen toegenegen vriend voltooid. Wij bevelen het woordenboek der Esperantische rijmen aan al de dichters; zij zullen gemakkelijker hunne lier kunnen stemmen en ons door hunne betooverende klanken behagen.*

*De dokter Saquet, voorzitter der Esperantische Groep van Nantes (Frankrijk) heeft in de « Bulletins de la Société Académique de la Loire-Inférieure » eene goede verklaring der Esperantische zaak laten verschijnen. Hij heeft dit artikel in overdrukje uitgegeven voor de propaganda. De Dokter Saquet heeft ook aan bovengemeld Academisch Genootschap het doel der Afvaardiging voor den keus eener hulptaal voorgesteld; hij heeft het gedaan met goed gevolg, de Maatschappij heeft het Esperanto goedgekeurd en den Dokter Saquet tot Afgevaardigde benoemd.*

***

*Onze Fransche partijgangers zetten hunne hardnekkige propaganda in de dagbladen voort. In zijn nummer van den 19^n^ Februari, spreekt « La Voix du Peuple » van Parijs, over de taal en haar nut.*

*Op 26^n^ Februari heeft M. Th. Cart zijne voordracht onder vorm van samenspraak gegeven in het Stadhuis van Saint-Mandé, bij Parijs, en heeft bijzonder wel gelukt, want ongeveer 600 personen woonden deze eigenaardige vergadering bij en hebben met overtuiging den toegenegen voordrachtgever toegejuicht.*

Vertaald door A.-J. WITTERYCK.

